3.ª Epoko * N.º 101 : Oktobro * 1925 :

# LA SUNO HISPANA

Organo de la hispanaj esperantistoj * Organo de los esperantistas españoles

Fondinto: AUGUSTO JIMENEZ LOIRA

Redakcio: Mar, 23 = VALENCIA

La Redakcio korektos la manuskriptojn laŭbezone, kaj la nepresitajn ĝi ne resendos

Direktoro: M. CAPLLIURE



## IIIª Valencia Regiona Kongreso de Esperanto en Lirio

La 25ªn de oktobro okazos en tiu-ĉi jaro la IIIª Valencia Regiona Kongreso de Esperanto en Lirio.

D-roj. Serra kaj Fambuena estis la iniciatintoj de tiu kunveno kaj la Valencia Esperantista Federacio akceptis entuziasme tiun allogan proponon.

Do, je la nomo de la Direktanta komitato de nia Esperantista Federacio, ni invitas ĉiujn samideanojn aliĝi tiun feston kaj firme esperas ke la tuta valencia regiona esperantistaro partoprenos ĝin.

La Valencia Esperantista Grupo, (str. Mar 23), ricevos ĉiujn aliĝojn al tiu Kongreso. La aliĝo estas senpaga.

Samideanoj, aliĝu tuj!!!

## III Congreso Regional Valenciano de Esperanto en Liria

El 25 de octubre del presente año, tendrá lugar el III Congreso Regional Valenciano de Esperanto en Liria.

Los Dres. Serra y Fambuena fueron los iniciadores de dicho Congreso y la Federación Esperantista Levantina aceptó con entusiasmo tan halagadora proposición.

Así, pues, en nombre del Comité directivo de nuestra Federación Esperantista, invitamos a todos los camaradas a que se adhieran a esa fiesta, y firmemente esperamos que todos los esperantistas valencianos de la región tomarán parte en ella.

El Grupo Esperantista Valencia (calle del Mar, 23), recibirá todas las adhesiones para dicho Congreso. La inscripción es gratuita.

¡¡¡Camaradas, adheríos sin demora!!!

# Solidareco

«La ekscio pri tio ke nia vivo estas disa, sendependa unuo, aganta (1) per si mem kontraŭ nenombreblaj, disaj kaj sendependaj unuoj, estas unu el la plej maltrankviligaj iluzioj. Dum ni tiele konsideros la mondon kaj la vivon, la paco estos dise de ni, kiel nealirebla altaĵo. Kiam ni sentos kaj scios ke ĉiuj *Mi* estas unu, tiam la paco de la menso estos nia, sen ia timo pri perdo.

»Ĉiuj niaj malfeliĉoj venas el tio ke ni kredas nin disaj unuoj, kaj turnas poste, en niaj propraj mensaj aksoj, pensante nur niajn disajn interesojn, niajn disajn celojn, niajn disajn ĝojojn kaj malĝojojn. Kelkaj faras ĉition pri la malsuperaĵoj de la vivo, kaj ili estas la malplej kontentigataj el ĉiuj, ĉiam senĉese forprenante el la ĝenerala tenejo de utilaĵoj, kaj amasigante senutilajn trezorojn. Aliaj ĉiam serĉas sian propran disan progreson en la supera vivo, bona kaj fervora gento, sed ĉiam malkontenta kaj deziregema. Ili ĉiam estas atente rigardantaj kaj analizantaj sin mem: «¿Ĉu mi progresas? Ĉu mi scias pli ol tio, kion mi sciis en la pasinta jaro?» Kaj same pluen, deziregante senĉesajn certecojn de progreso, kaj koncentrigante siajn pensojn en siajn proprajn internajn gajnojn.

»La paco ne troviĝas en la konstantaj penoj kontentigi ion disan, eĉ se la kontentigo estas superklasa. Ĝin oni trovas forlasante la *Mi* disan, sin apogante sur la *Mi* kiu estas *unu*, la *Mi* manifestiĝanta en ĉiuj evoluetapoj, kaj en nia stato samkiel en alia ajn, kaj kiu en ĉiuj estas kontenta.

»La deziro pri la spirita progreso estas altvalora, dum la malsuperaj deziroj envolvas kaj enkatenigas la homon; ĉitiu akiras forton por sin liberigi de ili, per la

(1) La hispana teksto diras *combatiendo*, kiu signifas *batalanta*; sed mi preferas traduki per la vorto *aganta*, pro tio kion mi nomas *la lingva branĉo de la pacismo*. (N. de l' T.).

# Solidaridad

«La noción de que nuestra vida es una unidad separada, independiente, combatiendo por sí misma contra innumerables unidades separadas e independientes, es una ilusión de las más perturbadoras. Mientras consideremos de tal modo el mundo y la vida, la paz se hallará retirada de nosotros como un pináculo inaccesible. Cuando sintamos y sepamos que todos los *Yos* son uno, entonces la paz de la mente será nuestra, sin temor alguno de pérdida.

»Todas nuestras desdichas provienen de creernos unidades separadas, y de girar después en nuestros propios ejes mentales, pensando solamente en nuestros intereses separados, nuestros separados objetivos, nuestras alegrías y penas separadas. Algunos hacen esto respecto de las cosas inferiores de la vida, y son los menos satisfechos de todos, siempre arrebatando sin cesar del depósito general de bienes, y amontonando tesoros inútiles. Otros buscan siempre su propio progreso separado, en la vida superior, gente buena y fervorosa, pero siempre descontenta y ansiosa. Siempre se están contemplando y analizando: «¿Adelanto? ¿Sé más de lo que sabía el año pasado?» Y así por el estilo, ansiando continuas seguridades de progreso, y concentrados sus pensamientos en sus propias ganancias internas.

»La paz no se encuentra en los constantes esfuerzos para satisfacer algo separado, aún cuando la satisfacción sea de clase superior. Se encuentra renunciando al *Yo* separado, apoyándose en el *Yo*, que es *uno*, el *Yo* que se manifiesta en *todas* las etapas de la evolución, y en nuestro estado lo mismo que en cualquier otro, y que en todos está contento.

»El deseo del progreso espiritual es de gran valor, en tanto que los deseos inferiores envuelven y encadenan al hombre; éste obtiene fuerza para libertarse de ellos, por el deseo apasionado del desarrollo espiritual; pero este deseo de pro-

pasia deziro pri la spirita disvolvo; sed tiu deziro pri la spirita progreso ne donas, nek povas doni, la feliĉon, kiun oni trovas nur kiam oni forlasas la *Mi* disan, kaj oni rekonas la grandan *Mi* kiel tion por kies servo ni vivas en la mondo. Eĉ en la ordinara vivo, la gento neegoista estas la plej feliĉa: tiuj laborantaj por feliĉigi la aliajn, kaj forgesantaj sin mem.

»Ni estas la *Mi*, kaj tial, la aliulaj ĝojoj kaj malĝojoj estas tiom niaj kiom iliaj; kaj, kiomgrade ni sentas ĉition, kaj lernas vivi tiamaniere ke la tuta mondo partoprenas la vivon fluantan el ni, tiomgrade lernas niaj mensoj la sekreton de la paco.» («La Penspovo. Ĝiaj Kulturo kaj Rego», de Annie Besant).

Tradukis,
LUIS SANTAMARINA.

Barcelono.

greso espiritual no da ni puede dar la dicha, que sólo se encuentra cuando se desecha el *Yo* separado, y se reconoce al gran *Yo*, como aquello para cuyo servicio vivimos en el mundo. Hasta en la vida ordinaria, la gente no egoísta es la más feliz: aquellos que trabajan en hacer felices a otros, y que se olvidan de sí mismos.

»Somos el *Yo*, y, por tanto, las alegrías y pesares de otros son tan nuestros como suyos, y en la proporción en que sintamos ésto, y aprendamos a vivir de suerte que el mundo todo participe de la vida que fluye por nosotros, aprenden nuestras mentes el secreto de la paz.» («El Poder del Pensamiento. Su Dominio y Su Cultura», de Annie Besant).

Tradujo,
LUIS SANTAMARINA.

Barcelona.

---

# Imitinda agado

S-ro. Direktoro de LA SUNO HISPANA.
Valencio.

Monistrol de Montserrat la 17an de aŭgusto de 1925a.

Kara Direktoro kaj samideano: Vi memoros ke antaŭ nelonge mi komunikis al vi mian translokiĝon ĉe la urbeton Monistrol de Montserrat, kiu kalkulas 4.000 loĝantojn proksimume.

Kiam mi alvenis tie ĉi, mi demandis pri samideanoj. Oni respondis al mi, ke antaŭ longe estis fervora esperantisto, kiu propagandis Esperanton kaj poste foriris; sed ĝi ne sukcesis, ĉar—oni diris al mi—, kiel vi mem vidos, vi ne rekontos eĉ unu esperantiston en la urbeto.

Mi pripensis pri tio kaj fine decidis organizi novan propagandon por atingi mian celon, sukcesigi la internacian lingvon.

Mi, kun bonvolo de la respektivaj ins-

# Actuación digna de imitar

Sr. Director de LA SUNO HISPANA.
Valencia.

Monistrol de Montserrat, a 17 de agosto de 1925.

Querido Director y *samideano:* Recordará usted que hace poco le comuniqué mi traslado a la villa de Monistrol de Montserrat, que cuenta con 4.000 habitantes próximamente.

Cuando llegué aquí, pregunté por correligionarios. Se me contestó que hace tiempo hubo un fervoroso esperantista, que hizo propaganda del Esperanto y después marchó fuera; pero no tuvo éxito, pues—me dijeron—, como usted mismo verá, no encontrará usted ni un esperantista en el pueblo.

Reflexioné sobre esto y, finalmente, decidí organizar una nueva propaganda para conseguir mi objeto, hacer triunfar a la lengua internacional.

Con el beneplácito de los respectivos

truistoj, faris propagandan paroladon ĉe tri knabaj lernejoj kaj «Laborista Centro»,

Konsekvenco de miaj paroladoj estis ke mi ricevis permeson por gvidi kurson en ĉiu lernejo kaj L. Centro, dum la somera libertempo, unu horon ĉiutage.

Entute mi instruas 37 knabojn kaj 7 aĝajn homojn. Kvar horojn ĉiutage mi laboras de antaŭ unu monato por kaj pro Esperanto.

Se tiu ĉi sciigo povas taŭgi kiel imitinda ekzemplo, vi povas ĝin uzi aŭ komentarii, kiel al vi plaĉos.

Sincere via restas.

FIDEL OROBITG, *Pstro.*

maestros, hice un discurso de propaganda en tres escuelas de niños y en el «Centro Obrero».

Consecuencia de mis discursos fué el recibir permiso para explicar un curso en cada escuela y en el «Centro Obrero», durante las vacaciones de verano, una hora diaria.

En total, estoy enseñando a 37 muchachos y 7 adultos, trabajando cuatro horas diarias desde hace un mes, por y para el Esperanto.

Si esta noticia puede servir como ejemplo digno de imitar, puede usted hacer uso de ella o comentarla, como le plazca.

Sinceramente suyo afectísimo,

FIDEL OROBITG, *Pbro.*

---

Ni havas la plezuron publikigi tiun ĉi leteron de nia fervora samideano Pastro Orobitg kaj varme rekomendi al niaj amikoj loĝantaj en tielsimilaj urboj, ke ili agu laŭ la imitinda ekzemplo de tiu bonega propagandisto, kiun ni tutkore gratulas.

Tenemos el placer de publicar esta carta de nuestro fervoroso *samideano*, Padre Orobitg, y recomendar calurosamente a nuestros amigos habitantes en pueblos semejantes al suyo, que obren con arreglo al inimitable ejemplo de aquel excelente propagandista, a quien felicitamos de todo corazón.

---

# Grava radio-esperantista festo en Barcelono

Pro la fino de la kurso de Esperanto, klarigata de S-ro. Doménech per Radio-Barcelono, okazos dum la monato oktobro, eble la dudekokan tagon, grava kaj kurioza Esperantista festo. En tiu tago, la tuta programo estos esperanta kaj partoprenos en ĝi diversaj gesamideanoj: malnovaj, kiel D-ro. Bartoméu, kaj novaj, kiel estas kelkaj el la lernintoj per Radio-Barcelono, ekzemple Fino. Castellví, tre lerta kantistino, kaj aliaj.

# Importante fiesta radio-esperantista en Barcelona

Con ocasión de haber finalizado el curso de Esperanto que ha explicado el Sr. Doménech, por la Radio-Barcelona, se celebrará durante el mes de octubre, posiblemente el día 28, una importante y curiosa fiesta Esperantista. En dicho día, todo el programa será esperantista y en él tomarán parte diversos correligionarios: antiguos, como el Dr. Bartoméu, y modernos, como algunos de los alumnos de la Radio-Barcelona, por ejemplo, la

Sed la plej kurioza afero konsistos ke oni dissendos paroladojn de D-ro. Zamenhof, de Profesoro Bourlet, de Gravoski kaj aliaj mortintaj samideanoj, kies fonografaj cilindroj posedas la malnova samideano S-ro. Alfonso Sabadell, kiu, tute afable, permesos tion.

Nia amiko kaj fervora radio-esperantisto D-ro. Bartoméu, antaŭ kelkaj tagoj, provis tiujn fonografcilindrojn per Radio-Barcelono kaj li atingis bonan sukceson.

La ĝusta dato de tiu festo ankoraŭ ne estas difinita, ĉar oni atendas la funkciadon de la nova sendestacio de Radio-Barcelono. Tiu-ĉi estacio post tiu plibonigo estos tiel forta, ke ĝi estos aŭdebla de la tuta Europo. Pro tio ni petas ke ĉiu esperantisto aŭ despli bone la esperantistaj kluboj, aranĝos especialan kunvenon por ĝui la feston de tiu tago.

A. V.

señorita Castellví, cantante de mérito, y otros.

Pero lo más notable consistirá en que se transmitirán discursos del Dr. Zamenhof, del Profesor Bourlet, de Gravoski y de otros *samideanos* ya fallecidos, cuyos cilindros fonográficos posee el antiguo correligionario D. Alfonso Sabadell, quien afablemente permitirá su reproducción.

Nuestro amigo y fervoroso radio-esperantista Dr. Bartoméu, hace unos días probó dichos fonogramas por la Radio-Barcelona y alcanzó un lisonjero éxito.

La fecha exacta de la fiesta, aún no se ha fijado, pues se espera el funcionamiento de la nueva estación emisora de la Radio-Barcelona. Esta estación, después de la reforma será tan potente que podrá oirse de toda Europa. Por ello suplicamos a todos los esperantistas, y mejor diríamos, a todos los grupos esperantistas organicen reuniones especiales para disfrutar de la fiesta de ese día.

# La XVIIIª en preparo

Interkonsente de C. K., Brita Esperanto-Asocio kaj Edinburga. Esperanto-Societo, la XVIIIª Universala Esperanto Kongreso certe okazos en aŭgusto 1926 en la belega kaj historia urbo Edinburgh en Skotlando.

Laŭ la unuaj oficialaj informoj la LOK, okaziginta sian unuan kunsidon en Edinburgh la 11 julio, jam nun estas elektita. Jenaj personoj estu rigardataj kiel oficialaj: Honora prez. John Merchant; prez. William Main Page; vicprez. sinjorino Gertrude Senior, William Harvey; trez. David Ritchie Tullo. Aliaj membroj: fraŭlino Jane Baird, George Dickinson (Leith), David Kennedy (Glasgow) kaj Robert Stevenson (Ardeer).

Kiel kongresejon oni elektis la As-

# El XVIII en preparación

De acuerdo el Comité Central, la Asociación Esperantista Británica y la Sociedad Esperantista de Edinburgo, el XVIII Congreso Universal de Esperanto tendrá lugar seguramente, en agosto de 1926, en la bellísima e histórica ciudad de Edinburgo, en Escocia.

Según los primeros informes oficiales, el Comité Organizador Local, que celebró su primera reunión en Edinburgo el 11 de julio, está ya elegido. Las siguientes personas forman la junta oficial: Presidente honorario, John Merchant; presidente, William Main Page; vices, señora Gertrudis Senior y William Harvey; tesorero, David Ritchie Tullo. Otros miembros: Srta. Jane Baird, George Dickinson (Leith), David Kennedy (Glasgow) y Robert Stevenson (Ardeer).

Como lugar para el Congreso, se ha

sembly Hall kaj New College, The Mound. Ĉi tiu domego jam estis la sceno de diversaj internaciaj kongresoj ĉiuspecaj kaj estas ĉitiurilate tre rekomendinda. Ĝis nun ekzekutiva komitato por urĝaj aferoj estas starigita kiel ankaŭ subkomitatoj por financaj demandoj, mastrumado, loĝejoj, ekskursoj, gazetaro ktp. Diversaj dokumentoj, kiel aliĝiloj, flugiloj kaj garantiaj specimenoj estas presitaj kaj la disvastigo jam komencis. La kunsido ankaŭ priparolis la aferojn rilate la poŝtan kaj telegrafan adresojn de la Kongreso, protektoraton, kongresan libron, kongresan insignon, intervjuon de aŭtoritatoj, asiston de polico kaj vendejistoj. Ankaŭ projekto de cirkulero por grupoj kaj asocioj pro disdono je la fino de aŭgusto estas aprobita. La kongresa programo ankaŭ jam estas en preparo. Ĝis nun aliĝis 20 personoj kaj la donacaĵoj kaj garantioj jam sumiĝas je £ 37 kaj £ 10: 8: 4 respektive. La dua kunsido de LOK okazis la 25 julio kaj la venonta kunsido okazos la 26an de septembro.

Ĉar la laboro de LOK ne estas tute simpla kaj facila, ĝi pro tio atendas de tutmonda esperantistaro ĝian fervoran kunhelpon rilate al propagando, financa asisto kaj m. a. Jam nun ĉiu estas devigata, kiu certe intencas partopreni, tuj aliĝi kaj anonci, ĉu al ĝi estas eble fari iun ajn donacaĵon al la Kongresa Kaso aŭ doni sian helpon per promesoj al la Garantia Kaso, kiuj jam nun estas starigitaj. Eĉ ĉiu, kiu ne povas helpi per materialo, devas sin senti devigata interesigi kaj entuziasmigi sian amikaron.

Do, ni estu fervoraj en nia prepara laboro!

El *Heroldo de Esperanto*.

elegido la Assembly Hall y New College, The Mound. Este gran edificio ya ha sido el escenario de varios Congresos internacionales de todas clases y es, por esta razón, muy recomendable. Hasta ahora un Comité ejecutivo para asuntos urgentes ha sido establecido, como también subcomisiones para cuestiones económicas, comida, alojamientos, excursiones, prensa, etc. Varios documentos, como boletines de adhesión, anuncios y tarjetas de garantía han sido impresos y su difusión ha empezado ya. La reunión también trató de los asuntos relativos a las direcciones postal y telegráfica del Congreso, protectorado, libro del Congreso, insignia de congresista, visitas a las autoridades, asistencia de la policía y casas de venta. También fué aprobado un proyecto de circular a los grupos y asociaciones para distribuirla a fin de agosto. El programa del Congreso está ya también en preparación. Hasta ahora se han adherido 20 personas y los donativos y garantías ya suman 37 £ y 10: 8: 4, respectivamente. La segunda reunión de LOK tuvo lugar el 25 de julio y la próxima reunión será el 26 de septiembre.

Como la labor de LOK no es del todo sencilla y fácil, espera por lo mismo de los esperantistas de todo el mundo su fervorosa ayuda en cuanto a propaganda, auxilio financiero y demás. Ya desde ahora, todo el que tenga intención cierta de tomar parte en el Congreso, está obligado a adherirse inmediatamente y anunciarnos, si le es posible, hacer algún donativo a la Caja del Congreso o ayudar con sus promesas a la Caja de Garantía, que están ya establecidas. Hasta aquel que no pueda ayudar materialmente, debe sentirse obligado a interesar y entusiasmar a sus amistades.

¡Seamos, pues, fervorosos en nuestra labor preparatoria!

De *Heroldo de Esperanto*.

❖ ❖ ❖

# El la III[a] Iberia Kongreso Esperantista en Kordovo

La fotogravuraĵoj, kiuj ornamas tiujn ĉi paĝojn, estas kelkaj el multaj enhavataj en la «Kongreslibro kaj gvidilo tra Andaluzio» kaj «Raporto de la III[a] Iberia Kongreso Esperantista en Kordovo» dum la monato majo lasta. Tiuj verketoj estas du multilustritaj kaj lukse eldonitaj kajeroj, publikigitaj de la Organiza Kongresa Komitato—ĉe firmo F. Serrano Olmo, Ambrosio de Morales, 10—kaj disdonitaj al ĉiuj aliĝintoj al tiu Kongreso. Tiuj kajeroj, per sia beleco kaj bonaranĝo, multe honoras la kordovajn samideanojn, precipe la organizintojn de la Kongreso, kies Komitato meritas la plej varmajn gratulojn kaj laŭdojn.



Iberia reprezentantaro kun jurnalistoj.



Estraro dum la solena malferma kunsido.



Esperantista eksposicio en Kordovo.



Gekongresanoj en la Korto de Amikeca Rondo.

## Recenzo

*La Kataluna Popolkanto.*—Studo originale verkita en Esperanto, de Joan Amades kaj Jaume Grau Casas. (Kun naŭ versaj tradukoj kaj melodioj). Premiita de la XI[aj] Internaciaj Floraj Ludoj.—Prezo: 1 peseto.—Aĉetebla ĉe *Kataluna Esperantisto*, strato Valencia, 245, Barcelono.

Tiu broŝurita 32 paĝa verketo enhavas naŭ muzikaĵojn, akompanatajn de iliaj versaĵoj, tiel mildaj kaj naivsencaj kiel decas al popolaj kantoj priskribantaj amajn aŭ kavalirajn antikvajn kutimojn. Ĉio estas antaŭirata de studa antaŭparolo tre bone verkita kaj pripensita, montranta plej plenan elkonon de la afero.

## Crítica literaria

*Cantos populares de Cataluña.*—Estudio general escrito en Esperanto, por Juan Amades y Jaime Grau Casas. (Con nueve traducciones en verso y melodías). Premiado en los XI Juegos Florales Internacionales.—Precio: 1 peseta.—De venta en *Kataluna Esperantisto*, calle Valencia, 245, Barcelona.

Esta obrita, de 32 páginas, con cubiertas, contiene nueve trozos de música, acompañados de sus versos, tan delicados y sencillos como corresponde a los cantos populares que describen costumbres amorosas o de caballeros antiguos. Todo va precedido de un prólogo-estudio muy bien escrito y pensado, que demuestra



Kongresanaro en «Huerto de los Arcos».

Nur unu frazo malplaĉas al ni, ĉar ni juĝas ĝin maljusta kaj foriginda: tiu kiu atribuas al la hispanaj popolkantoj «foje sencon de akreco kaj krueleco». Ĉiu persono povas ja ami siajn aferojn kaj aĵojn, tute ne bezonante pro tio malami tiujn de la aliaj! Ĉu vi ne samopinias, karaj katalunaj samideanoj?

el conocimiento más completo del asunto.
Sólo una frase nos desagrada, porque la juzgamos injusta y digna de ser borrada: la que atribuye a los cantos populares españoles «a veces un sentido de acritud y crueldad». ¡Cada cual puede, en verdad, amar sus asuntos y cosas, sin necesitar absolutamente para ello odiar las de los demás! ¿No opináis lo mismo, queridos correligionarios catalanes?

---

*Farmacio kaj Ĥemio.*—N.° I, jaro II. —Printempa numero, 1925.—Abonprezo: jare, 3 svisaj frankoj; ponumere, 0'75. —Eldonejo: Esperanta Grupo en Tojama Farmacia Kolegio, *Tojama*. Japanujo.

Jen speciala revuo, aperanta ĉiusezone, pri aferoj farmaciaj kaj ĥemiaj, kun teksto kaj figuroj hektografitaj sur duobla maldika papero, tre bone prilaborita. La enhavo de tiu-ĉi numero estas: «Pri kelkaj kafeidderivatoj, de J. Joŝitomi, tra-

*Farmacia y Química.*—N.° I, año II. —Número de Primavera, 1925.—Suscripción: al año, 3 francos suizos; un número, 0'75.—Editorial: Grupo Esperantista en el Colegio de Farmacia de *Tojama*. Japón.

Es una revista especial, que aparece en cada estación del año, y trata de asuntos farmacéuticos y químicos, con texto y figuras hectografiados sobre doble papel delgado, muy bien presentada. El sumario de este número es: «De algunos

dukita de S. Jamada.—Sinteza Metodo de N-meĉil-skatolo, de Ŝ. Keimacu kaj S. Inoue». Entute 32 paĝojn, kun simpla kaj arta koverto.

derivados de la cafeína, por J. Joŝitomi, traducción de S. Jamada.—Método sintético de de N-mechil-skatol, por Ŝ. Keimacu y S. Inoue». En total, 32 páginas, con una sencilla y artística cubierta.

---

Ĵus aperis bonaj verkoj por stenografistoj: *Malgranda Lernolibro de Esperanta Stenografo:* 16-paĝa broŝuro 11 × 17 —1 franko franca, kaj *Méthode de Sténographie Espérantiste et de Stenographie Française:* broŝuro da 28 paĝoj 17 × 22 —2 frankoj; aĉeteblaj ĉe la aŭtoro: P. Flageul, 9, Boulevard Voltaire, *Issy-les Moulineaux*, Seine, Francujo, kiu ankaŭ publikigas: *Fluganta Skribilo*, ĉiudumonata stenografa gazeto, abonprezo jara 2'50 fr.; unu numero 0'40.—Li dissendas al ĉiu petanto senpagan kajeron propagandan.

Acaban de publicarse buenas obras de taquigrafía: *Pequeño Manual de Taquigrafía Esperanta:* folleto de 16 páginas, 11 × 17—1 franco francés, y *Método de Taquigrafía Esperantista y de Taquigrafía Francesa:* folleto de 28 páginas, 17 × 22—2 francos; de venta en casa del autor: P. Flageul, 9 Boulevard Voltaire, *Issy-les Moulineaux*, Seine, Francia, quien publica también: *La Pluma voladora*, periódico bimensual de taquigrafía: precio de abono anual 2'50 fr.; un número, 0'40.—Envía a quien lo pida un folleto de propaganda gratuito.

---

Novaj esperantaj gazetoj:

«*Oriento.*—Monata ilustrita revuo en esperanto.—Esperanta Eldona Kompanio «Oriento», *Harbin, Manĉurio, Ĥinujo*, Novij-Gorod, P. O. Box 35».

Pritraktas ĉiujn orientajn landojn (Ĥinujo, Korenjo, Formoso, Japanujo, Siberio, Tibeto, Mongolujo, Javo); redaktoroj rusaj, ĥinaj, koreaj, japanaj, malajaj.—La prezo de unu numero (grandformata, 100-paĝa) estas 2 ŝilingoj aŭ duondolaro.

«*Libera Laboristo.*—Dumonata gazeto, organo de liberaj laboristoj tutmondaj, grandformata, 16-paĝa.—Jarabono, 7 pesetoj.—Administrejo: Artur Bolle, Tresckowstr. 58, Berlin N 58, Germanujo».

Nuevos periódicos esperantistas:

«*Oriente.*—Revista mensual ilustrada en esperanto.—Compañía Editorial Esperantista «Oriente», *Harbin, Manchuria, China*, Novij-Gorod, P. O. Box, 35».

Trata de todos los países orientales (China, Corea, Formosa, Japón, Siberia, Tibet, Mongolia, Java); redactores rusos, chinos, coreanos, japoneses, malayos.—El precio de un número (de gran tamaño, con 100 páginas) es de 2 chelines o medio dólar.

«*El Obrero Libre.*—Periódico bimensual, órgano de los trabajadores libres de todo el mundo, de gran tamaño y 16 páginas.—Suscripción anual, 7 pesetas.—Administración: Artur Bolle, Tresckowstr. 58, Berlín N 58, Alemania.

---

*Elementoj de Esperanto*, kurso difinita al la unuagradaj lernejoj (en lingvo hispana), de Ferdinando Soler Valls.—Prezo: 0'25 pesetoj. Ĉe librovendejoj aŭ ĉe la aŭtoro, Centro de Telégrafos, Valencio.

El tiu verketo, kiun ni plene publikigis en la antaŭa numero de La Suno His-

*Elementos de Esperanto*, curso destinado a las escuelas de primera enseñanza (en lengua española), por Fernando Soler Valls.—Precio: 0'25 pesetas. En las librerías o en casa del autor, Centro de Telégrafos, Valencia.

De esta obrita, que publicamos por completo en el número anterior de La

**PANA** kaj kiun ni juĝas tre trafa por interesigi al nia afero la infanetojn, S ro. Soler faris specialan malkaran eldonon por propagando. Ĝi estos sendube bone akceptata de la publiko pro sia alta celo kaj sia granda malkareco.

SUNO HISPANA y a la cual juzgamos muy a propósito para interesar en nuestro asunto a los niños, el Sr. Soler ha hecho una edición especial y barata, para la propaganda. Sin duda será bien recibida del público por su alta finalidad y su gran baratura.

---

*Avila*, unua volumo de *Hispana Biblioteko Esperanta.*—Historio, arto, literaturo, tradicio, belaj naturaĵoj, k. c.—Prezo: 1 peseto. — Verkita kaj eldonita de Julio Mangada Rosenörn.—Glorieta de Bilbao, 5 Madrid, Hispanujo.

Jen la realigo de la entrepreno, kiun metis sur sin nia lerta kaj laborema samideano S-ro. Mangada, laŭ nia anonco ĉe la sciiga fako de nia antaŭa numero.

Tiu ĉi unua verketo de la serio konsistas el 64-paĝa libreto, duono da teksto stereotipita kaj duono da ilustraĵoj sur plej bonkvalita papero, kun maldikkartonaj ilustritaj kovertoj, kaj enhavas: antaŭsciigon de la aŭtoro; historion pri la urbo Avila; priskribon el ĝiaj rimarkindaj artaĵoj kaj bonverkitajn biografiojn pri Sancho Dávila, Sankta Tereso de Jesuo, Alonso de Madrigal *(Tostado)*, k. a., gloraj avilanoj.

Ni tutkore gratulas la aŭtoron pro tiu publikigaĵo kaj varme rekomendas al niaj legantoj la akiron de tiu verketo kaj de la sekvontaj, priskribantaj la belecojn de nia patrujo.

*Avila*, primer volumen de *Biblioteca española en esperanto.*—Historia, arte, literatura, tradición, bellezas naturales, etcétera.—Precio: 1 peseta.—Compuesta y editada por Julio Mangada Rosenörn.—Glorieta de Bilbao, 5, Madrid, España.

He aquí la realización de la empresa, que puso sobre sus hombros nuestro culto y laborioso correligionario Sr. Mangada, según nuestro anuncio en la sección de noticias del número anterior.

Esta primera obrita de la serie consta de 64 páginas, mitad de texto estereotipado y mitad de grabados, en muy buen papel, con cubiertas de cartulina ilustradas, y contiene: prólogo del autor; historia de la ciudad de Avila; descripción de sus notables obras de arte y biografías bien escritas de Sancho Dávila, Santa Teresa de Jesús, Alonso de Madrigal (el *Tostado)*, y otros famosos avileses.

Felicitamos de todo corazón al autor por esta publicación, y recomendamos calurosamente a nuestros lectores la adquisición de esta obrita y de las siguientes, que describen las bellezas de nuestra Patria.

---

*Historio, instruoj kaj valoro de la Baha'i-movado* kaj *La Nova Tago, internacia Baha'i-Esperanto-gazeto*, kvaronjare publikata de la Esperanto-komitato de la Baha'i-movado, Hamburg. Doktoro Hermann Grossmann kaj Fr. Gerstner, Wandsbek, Olmuhlenweg 66.

Ili estas okpaĝaj broŝuroj priskribantaj la *Baha'i-ismon*, religian movadon naskiĝintan en Persujo ĉirkaŭ la jaro 1844 kaj nun sufiĉe disvastigitan ne nur inter mahometanoj, sed ankaŭ tra Eŭro-

*Historia, enseñanzas y valor del movimiento Baha'i* y *El Nuevo día, periódico internacional Baha'i-Esperantista*, publicado trimestralmente por el Comité Esperantista del movimiento Baha'i, Hamburgo. Dr. Hermann Grossmann y Fr. Gerstner, Wandsbek, Olmuhlenweg, 66.

Son folletos de ocho páginas, que describen el *Baha'i-ismon*, movimiento religioso nacido en Persia alrededor del año 1844 y hoy bastante extendido, no

po kaj Ameriko. Ĝiaj reguloj estas iom similaj je tiuj de la Teosofio. Sed la plej notinda el ili, por ni, estas la tria, kiu diras:

«Devas esti enkondukata mondhelplingvo, kiu estu instruota krom la gepatraj lingvoj en ĉiuj lernejoj de la tuta mondo!»

Oni povas peti specimenon, kaj aboni por unu jarkolekto, kvar numeroj, pagante 0'50 ormarkojn.

sólo entre los mahometanos, sino también por Europa y América. Sus reglas son algo semejantes a las de la Teosofía. Pero la más notable de ellas, para nosotros, es la tercera, que dice:

«Debe establecerse una lengua mundial auxiliar, que sea enseñada, además de las lenguas patrias, en todas las escuelas del mundo entero».

Puede pedirse un ejemplar de muestra, y suscribirse por la colección de un año, cuatro números, abonando 0'50 marcos oro.



# La batalo de floroj en Valencio

La Batal' komenciĝas. La popol'
entuziasme al la ĝoj' sin donas.
Ĉie lum' kaj koloro kaj petol',
en kiujn arde la popolo dronas.

Pasas kaleŝoj en triumfa bel'
kun virinoj ridantaj per rigard'...
Kaj la floroj flugante sub ĉiel'
vizaĝojn celas kun kisanta ard'.

La Batalo finiĝas, mortas jam...
Sed ankoraŭ ĉe l' floroj estas am',
gajec' en la rigard' ĝoj' en la kor!

Estas ĉiu virin' —parfuma, bela...
Malsupre, tere, estas florodor';
supre, ĉiele, estas brilo stela.

MIQUEL DURAN I TORTAJADA.

El la kataluna lingvo tradukis,
JAUME GRAU CASAS.

Premiitaj dum la lastaj Internaciaj Floraj Ludoj en Palma de Mallorca.

# Sonetoj pri Valencio

## Laŭdo: Al rikoltantino de oranĝoj

Antaŭ la mar', ĉe l' horo sunoplena.
Ĉe l' bela land' de l' oranĝarb' en flor'.
Plaĉas al mi l' interparol' serena
kun la virino de la land' el or'.

Kun la virin' oranĝojn rikoltanta,
pleniĝinta pro tio de parfum',
la gracia virin' sin ornamanta
per vest' brodita de la hela lum'.

L' okulbrila virin' flor' de l' ĝardeno,
kiu ridas kun laŭta rid' sen ĝeno,
kun rido ŝpruca kiel ĝoja kant'.

Kiu montras donacon de l' bril' suna:
lumplektita trezor', la haŭto bruna,
arda simbol' de fort' kaj plena san'.

JOAN MARÍA GUASCH.



# SCIIGOJ

La semo kiun lasis en Carcagento nia neforgesebla propagandisto Sro. Domingo Talens, fruktodonis, kaj kvankam la karkagentaj esperantistoj ŝajnis mortintaj, tamen ili vekiĝis kaj nune, sub la gvidado de Sro. Joaquín Andrés, fama fotografisto tiea, tre lerta kaj malnova esperantisto, kolektiĝis la novaj samideanoj Sroj. Raimundo Ríos, Ramón Viudes, Verecundo Gomar kaj Vicente Ortega Pérez, kiuj intencas starigi de nove la estintan grupon el Carcagento, kaj multe labori por la propagando Esperanto en tia progresemą urbo.

Ni multe esperas de nia sambatalanto Sro. Joaquín Andrés kaj gratulas lin pro lia entuziasmo kaj granda emo por nia idealo.

---

Niaj madridaj samideanoj entuziasme daŭrigas la propagandon, kaj ili jam estas komencintaj la preparajn laborojn por okazigo de la VI^a^ Nacia Kongreso de Esperanto, kiu devas okazi je la fino de venonta majo, en la ĉefurbo de Hispanujo, kaj al kiu oni projektas doni eksterordinaran solenecon.

Multaj gazetoj kunhelpas al tiu laborado. *Revista técnica de la Guardia Civil* ne haltas en sia propagando kaj publikigos la hispanan raporton pri la lasta Universala Kongreso; la radio-revuo *Ondas* aperigas lecionojn de S ro. Mojado; *El siglo Médico* ankaŭ publikigas esperantajn verkaĵojn, same kiel *El Magisterio Español;* en *La Libertad* aperas ĉiusemajne fako esperanta; *El Socialista* akceptas ankaŭ niajn artikolojn; la sendstacio *Unión Radio* du fojojn ĉiusemajne klarigas esperantan kurson pere de sinjoro Mojado, kiu vigligas la ĝeneralan atenton, ĉar tre trafe kaj eĉ amuzige, laŭ unuanima opinio de la aŭskultantoj, li instruas nian lingvon internacian; fine,

# NOTICIAS

La semilla que dejó en Carcagente nuestro inolvidable propagandista, D. Domingo Taléns, ha fructificado, y aunque los esperantistas carcagentinos parecía que habían muerto, sin embargo, despiertan, y, actualmente, bajo la dirección de D. Joaquín Andrés, famoso fotógrafo de aquella localidad, muy inteligente y antiguo esperantista, se han agrupado los nuevos colegas D. Raimundo Ríos, don Ramón Viudes, D. Verecundo Gomar y D. Vicente Ortega Pérez, quienes intentan establecer de nuevo el que fué grupo de Carcagente y trabajar mucho por la propaganda de Esperanto en aquella progresiva ciudad.

Mucho esperamos de nuestro batallador amigo D. Joaquín Andrés y le felicitamos por su entusiasmo y gran amor a nuestro ideal.

---

Nuestros *samideanos* de Madrid continúan con entusiasmo la propaganda, habiendo empezado ya los trabajos preparatorios para la celebración del VI Congreso Nacional de Esperanto, que ha de tener lugar a fines de mayo próximo, en la capital de España.

Muchos periódicos coadyuvan a esta labor. *Revista técnica de la Guardia Civil* no cesa en su propaganda y publicará en español la referencia del último Congreso Universal; la revista de radio *Ondas* contiene lecciones del Sr. Mojado; *El Siglo Médico* también publica trabajos esperantistas, lo mismo que *El Magisterio Español;* en *La Libertad* aparece semanalmente una sección sobre Esperanto; *El Socialista* admite también nuestros artículos; la estación radio-transmisora *Unión Radio* explica dos veces por semana un curso de esperanto, por el señor Mojado, quien despierta la atención general, pues con mucho acierto y hasta de una manera amena, según opinión unánime de los radioescuchas, enseña

multenombraj kursoj estas preparataj ĉe diversaj societoj kaj kluboj.

Same ni scias pri nia movado en Barcelono kaj aliaj grandaj urboj hispanaj, kie ĉu per radio, ĉu per la gazetaro, oni faras bonegan laboron.

Bone, bone! Kuraĝon kaj antaŭen, karegaj kunbatalantoj por la bela idealo!

nuestra lengua internacional; finalmente, multitud de cursos están preparados en diversas sociedades y clubs.

Lo mismo sabemos de nuestro movimiento en Barcelona y otras grandes poblaciones españolas, donde ya por medio de la radio, ya por la prensa, se hace una excelente labor.

¡Bien, bien! ¡Animo y adelante, queridísimos combatientes por el bello ideal!

---

La numero 19ª de la belega grandformata ilustrita revuo *Majorika*, el Palma de Maljorka, dediĉas preskaŭ la duonon de sia enhavo al la raportado de la tie okazinta Kongreso de Esperanto kaj Internaciaj Floroj Ludoj de la Kataluna Esperanta Federacio, dum majo lasta. Ĝi enhavas portreton de nia senlaca pioniro, inĝeniero S-ro. Narciso Bofill, al kiu ĝi aljuĝas la plej varmajn kaj meritítajn laŭdojn, ĉar li estis la ĉefa organizinto kaj subteninto de la Kongreso kaj ankaŭ de la esperanta movado en Palma; aliajn portretojn de la reĝino de la festo, de ŝiaj korteganinoj kaj multajn bildojn pri la diversaj aktoj de la Kongreso, kiu estas pritraktata plej honorige.

Nian koran gratulon al nia kara samideano S-ro. Bofill kaj liaj kunhelpantoj por tiel granda sukceso.

El número 19 de la excelente revista ilustrada de gran tamaño *Majórica*, de Palma de Mallorca, dedica casi la mitad de su contenido a relatar el Congreso de Esperanto y los Juegos Florales Internacionales de la Federación Esperantista Catalana, celebrados allí en el mes de mayo último. Contiene un retrato de nuestro incansable campeón, el ingeniero D. Narciso Bofill, a quien adjudica las más calurosas y merecidas alabanzas, por ser el principal organizador y sostenedor del Congreso y también del movimiento esperantista en Palma; otros retratos de la reina de la fiesta, de sus damas de corte y muchos fotograbados de los diversos actos del Congreso, que es tratado con todos los honores.

Nuestra cariñosa felicitación al querido correligionario Sr. Bofill y a sus colaboradores por tan grande éxito.

---

La aŭtoro de la himno *La Espero*, S-ro. Felicien de Menil, Barono de Menil, jus perdis sian amatan edzinon, laŭ sciigo komunikata al ni el Parizo.

Ni akompanas al nia malnova amiko, kiu vizitis Valencion dum la postkongresa ekskurso en la jaro 1909ª, en lia doloro, kaj preĝas al Dio por la eterna ripozo de la animo de Baronino de Menil.

El autor del himno *La Espero*, monsieur Felicien de Menil, Barón de Menil, acaba de perder a su amada esposa, según noticia que nos comunican de París.

Acompañamos a nuestro antiguo amigo, quien visitó Valencia en la excursión posterior al Congreso del año 1909, en su dolor y rogamos al Altísimo por el eterno descanso del alma de la Baronesa de Menil.



TIPOGRAFIA MODERNA, A C. DE M. GIMENO, PRIMADO REIG (antes Avellanas, 11, VALENCIA